# PENSEO

N-ro 221

mar. / 2010

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 21-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Mikaelo Bronsxtejn (Rusio)



### Poetoj

Sennombras stelaro sennoma
en la Galaksio.
Ja, tute ne gravas la homa
nescio aŭ scio
por ili, lumantaj libere
tra tempo kaj vasto.
Samtiel ellumas surtere
sen brua bombasto
modestaj poetoj, revuloj
la vortan sinceron.
Kaj tiu kvieta forbrulo
varmigas la Teron.



### Bonan Vesperon

Bonan vesperon, nova aŭtun',
rufharulino!
Haŭton karesas milda tuŝet'
De via spiro,
Kaj estingiĝas tinta latun'
Ĉe l' taga fino,
Kaj ekruĝiĝas lanta kviet'
De sunsubiro.

Ni, aŭtunaj, ne plu junaj
Amas tarde eĉ pli arde,
Kronoj brulas, vento lulas
En karesa flu'.
Longas tempo ĝis printempo
Do en nuno ni, aŭtuno,
Kune spiru, kune iru,
Kune amu plu.

Bonan vesperon, nova aŭtun',
mia bonkora!
Mi vin invitis, mi en kamen'
Fajron bruligis.
Dancas en vinoj de mia jun'
La luno ora,
Senpacience gvatas seren',
Kiu nin ligis.

Venu festa, en majesta
Ora pelto via svelto
Vokas loge – jen apoge
Estu mia brak'.
Kun surprizo – vangokiso
Ne laŭmende, senpretende
Ĝena honto, ĝoja ondo
Por la kuna vag'.



Bonan vesperon, nova aŭtun',
Min ekreganta!
Mil melodiojn pentras vi per
Bunta naivo.
Do mia mondo iĝas de nun
Paca kaj kanta

Post forbrulinta brua somer'
De mia vivo.

Ni ĉelune kantu kune,
Lumrivero en aero
Akve lirlas, sonojn kirlas
Pura melodi'.
Tagoj kuraj – revoj nuraj,
Luma falo en realo,
Kaj al disto - dolĉo, tristo
Kune iras ni.

## Josip Pleadin (Kroatio)



### MIA PENELOPO

En ŝipo truita, sen remiloj kaj kun ŝiritaj veloj
tra fremda mondo ankoraŭ daŭras mia odiseado—
nek al hejmo nek al patrujo—ĉiam al nekonataj celoj
kun la rikanaj uraganoj kaj la freneza ŝipbalancado.

Mian ŝipon ŝiras Sciloj kaj Haribdoj per ŝtaltenajlo.
Parcoj alvokas min al mortiga puŝ' ĉe klifvertikalo.
Mia senpova animo en kanonado de senkompata hajlo
tremante tenas strilon. El mar' eruptas abunda gutvualo.

Mizero mia en marspegul' rebrilas, sed mi ne rezignas
obsedon de aventuro. Min ne frakasas manoj de Ciklopo.
Mian vivon per sanga ŝvito mi sigelas, kaj ĝi dignas.
Sur hejma sojlo atendas eterne mia fidela Penelopo.



## Maristo (Rusujo)



### Sentitole

En teda lok' en urba bru'
Mi tiris min, aspiris plu,
Falante sur la teron.
Mi provis flugi en nebul',
Timante la malveron.

Kaj mia far', kaj mia sent'
Ne estis plu la argument',
Mi sentis nur malbenon.
Vagadis mi en la obskur'
Streĉante mian penon.

Sen la esper' por ajna cel'
Soifis mi en la mizer'.
Ĉe er' metante eron,
Mi iĝis vera senpekul',
Akiris oran veron.

*23.07.2009*



Skribema hom', vi ĉiam sentimentas
Rememorante tagojn de l'obskur'.
Sed kiucele vi memelokventas?
Ĉu kontentigas vin lasita vivospur'?

Pensante pri la mond' kaj agoj universaj
Ĉu vi ne perdis sencon de l'ekzist?
Ĉu viaj vortoj prozaj aŭ versaj

Rememoratos de la gimnazist'?

Al kiu vi direktas metaforojn?
Ĉu iam aperiĝos kunsentant'?
De tutaj viaj lacaj pensfervoroj
Ĉu etroveblas ie komprenant'?

Paperoj polvaj, tablo, ronĝkrajono -
Restaĵo de pasinta vivotemp'.
Sed iam vi estadis ĉampiono
Priskribis la belecon de printemp'.

Sinjoro, lasu, lasu tiun adon
Reiĝu simpla homo de la urb'
Ekĝuu ordinaran maskaradon,
Ne emu al enuo kaj perturb'.

*15.01.10*

# Forkuras la somer'

(Kanzon-traduko)

Kiam vi eldiris la finon
Tiam ja ŝajnis al mi blag'
Ni kune pelis papilion,
Por ni pasis tiu tag'.

Kiam ho paliĝis la sento,
Eĉ tiam esperis la kor',
Sed skuas jam la vitron vento,
fenestre malhelas la for'.

De ni jam fuĝas la somer'',
Jen la frond' flaveta nur',
De ni forkuras la somer',
polva vent' laŭ ĝia spur',

Septembro venis jam al nia voj',
ploras jam nuda kampo',
Tien kuradas eĉ nun la amor',
perdita de l' amanto.



Nur en mi flamas la memor',
Memoro pri l' somera sento,
Larmigas min la akra vento,
Atakas tempest' en la for'.

De ni forkuras la somer'',
Jen la frond' flaveta jam',
Demande vekas min la ver',
Kion plu? Kia am'?

Tradukis **VIZI László**  (Hungario)

*Oni povas aŭskuti al la kanzono kantata de la tradukanto ĉe:*
http://www.ipernity.com/blog/61797/226049

# Ĉineske

## Vejdo (Ĉinio)



# Knabineto kun alumetoj

—laŭ ĉinesko Zhuzhici (Bambuoj)*

lastvespere de l' jaro
mallum' kaj frostbarbaro
atakis knabinon kun
alumetoj en staro

ŝi malriĉa maldika
kun korpo malfortika
laŭstrate piednuda
vagis en vento pika

alumetojn ŝi vendis
sed tuttage etendis
neniu helpan manon
al ŝi, kiu atendis.

ŝi de frid' kaj malsato
suferis kiel kato
senhejma erarvagis
jen de strato al strato

tiam etoso festa
etos' en domo nesta
bonodor' de frandaĵoj
ŝvebis kun log' aresta

en ĉiuj domoj brilo
kandela en trankvilo
gloris pompe spicite
per varmega babilo

dume ŝi en obskuro
tremis sub frost-torturo
eltenis l' atakon de
malriĉ-sorta teruro

hejmen ŝi ne kuraĝus
iri ĉar paĉj' damaĝus
ŝin per batoj tiel ke
ŝi en sanglarmoj naĝus

ĉar monon ŝi ne povos
porti, vere sin trovos
la famili' en fasto
neni' en ĝi renovos

inter panik' kaj timo
ŝrumpis ŝia animo
ŝi kaŭriĝis ĉe l' angul'
dronante en deprimo

kiel ŝi ĉe ĉi moment'
deziris kun tikla sent'
eĉ varmeton portempe
je sia kurta kontent'

jen ŝi elprenis brave
alumeton enrave
el skatolet' kaj frotis
kontraŭ muro mankave

riŝ! ekflagris fajrero
ŝi tuj sentis en vero
varmeton ĉe la fingroj
brule dum efemero

ŝi ŝajne eksidis jam
ĉe forno kun arda flam'
lign-pecoj brulis lumis
kvazaŭe al si balzam'

riŝ! alia alumet'
brulis kun fajra impet'
ŝi avide varmiĝi
volis per mana almet'

tiam ŝajne tramure
ŝi jam vidis plezure
riĉan tablon kristnaskan
kaj meleagron sure

ŝi ekfrotis la trian
kaj trovis lumradian
magazenon en imag'
per lampoj variian

ekbruligis novan ŝi
vole ke daŭru l' magi'
por ŝin regali bone
per bel' en frida medi'

jen ŝia anj' alvenis
kiu ŝin ĉirkaŭprenis
per siaj varmaj brakoj
kaj firme ŝin altenis



milde kriis la knabin'
“anjo,” en la halucin'
“kunportu min al loko
kie varmo flegos min.”

ŝi sentis svenon fine
kaj ankoraŭ obstine

finfrotis alumetojn
ŝi falis korpokline

ŝin sieĝis l' obskuro
regis tomba teruro
ŝia animo soris
kun anjo en veturo

oni en matena hor'
vidis scenon kun horor'
ŝia kadavr' rigide
kuŝis sur planka marmor'

ŝi ankoraŭ kun ridet'
dormis dolĉe en kviet'
restis ŝia pozo por
varmiĝi per alumet'

tamen oni ne vere
sciis, kiel fiere
ŝi vivis en lum-mondo
plezure kaj libere



*Zhuzhici (Bambuoj): ĉina fiksforma poemo el kvar versoj de sep silaboj laŭ rimaranĝo a,a,xa (x=senrima)*

## Serio da Tiaoxiaoling

### Cezar (Germanujo)



Hurlado patria

(2010-02-23)

Fia, fia
hurlado patria!
kriad' el Sodomo
pro stulto laŭ Romo.
"Moro, moro",
krias greg' dum horo!

### Vejdo (Ĉinio)

Milda edzino

edzin', edzin'
al mi kun korinklin'
hejmsidas ĉiame
prizorgas min ame
ema, ema
al kisado ĝema
Lily (Ĉinio)
Soifa je amoro
imag', imag'
turmentas min sen ag'
mi volus per bora
stang' por ĝuo vora
ravo, ravo
en vagina kavo

### Cezar (Germanujo)

Plagata edzo

(2010-02-23)

Sekstag', sekstag'!!
Tia in' estas plag'.
Kaptante laŭ bubo
ŝi falas ĉe rubo:
"Boru, boru,
ni tuj ekamoru!"

### Eto (Ĉinio)

Sopire

kore, kore
tiras sent' dolore
rememoron veku
imagadon eku
kune, kune
kun fraŭlino nune

## Cindy Mckee (Usono)



### La foko en bestĝardeno ŝatas trinki...

Naĝo, naĝo
apud arta plaĝo.
Spektanto surdoka.
Al soifo foka,
kafo, kafo
en granda karafo

## Vejdo (Ĉinio)

### Sonĝe

svage, svage
penso iras vage
bonŝanca loteri'
pagas min per premi'
mire, mire
mi ĝojas delire

## Lily (Ĉinio)

### Amludo

pene, pene
iras kac' senĝene
en piĉon pilgrime
ja ambaŭ intime
meti, meti
por boron ripeti

lude, lude
petolu senprude
la afer' prefera
la kontakto vera
rave, rave
do orgiu brave

krie, krie
li boras pasie
ŝi ĝemetas kun ĝu'
ravas plezure du
dure, dure
piŝtas kac' susure

## Cindy Mckee (Usono)

### Unua provludo

Konu, konu!
Koncerton ni donu
laŭ stilo baroka
Ludu je la sepa!
Pase, pase
ekis mi frakase

surde, surde,
ja, vere absurde
ŝrikis per trombono
en terura tono
noto, noto
groteska el gloto

## Viktoro (Ĉinio)

### Tigro

tigro, tigro
kun strioj de nigro
reĝo ĉiopova
laŭ volo bontrova
vora, vora
kun sono horora

### Feroca tigro

tigro, tigro
manĝanto en migro
kun kapric' barbara
en mondo arbara
raba, raba
per ungego klaba



## Cezar (Germanujo)

### Tigro, tigro!

Tigro, tigro
kun flav' kaj stri-nigro
al la hom' senpova.
Do ne plu bontrova.
Varo varo
sur felobazaro.

### Tango

Tango,
tango,
ambaŭ vang' al vango
ŝvelas sang' ĝiskreve.
Ambaŭ paŝas reve.
Vere,
vere,
logas takt' konkere..



*Tiaoxioling (Flirta Kanto): *ĉina fiksforma poemo el ses versoj de 4, 6; 6, 6; 4, 6 silaboj, laŭ rimaranĝo de aa,bb,cc. La 4-silabaj versoj konsistas el du ripetaj vortoj. Kaj la unua vorto de la kvina verso devas esti el palindrome ordigitaj silaboj de la lasta vorto de la kvara verso. ekz. rimi-miri; mora-arom; nomo-mono; roso-soro.*

&& && && &&

## Alphonse Allais (1854-1905)



### Senpripensaĵo

. Mi konis ŝin en restoracio.

Jam de kelka tempo, ŝi regule venis tien vespere je la sesa. Mia despero estas, ke ŝi ne direktis sian atenton al mi.

Mi vane sidiĝis ĉe la najbara tablo, donis al ŝi afablajn mienoj, faris malgrandajn servojn al ŝi, kiel oni faras inter klientoj; nenio okazis.

Tamen iun tagon, kiam ŝi frapante sur la tablon malpacienciĝis, pro tio ke la kelnero ne alvenis, mi per mia voĉo la plej indigna kriegis :

– Kelnero, ĉu vi do estas surda ? Jen jam dum du horoj la sinjorino alvokas vin !

Ŝi turnis sin al mi, kaj per rideto dankis min.

Tiam, mi tuj amis ŝin.

Kaj ŝiaflanke, la ĝeno de la unua kontakto estis malapeinta.

Ekde tiu momento, ĉiutage vespere ŝi ne ĉesis saluti min per beleta "bonan vesperon", tiel gracia kaj pimpa kiel ŝi.

Kaj poste ni fariĝis bonaj kamaradoj.

Ŝi nomiĝis Luciana.

Ne estante **honesta virino**, ŝi estis ankaŭ ne publikulino. Ŝi apartenis al tiu kategorio de virinoj, kiujn la burĝoj malestime nomas **subtenadajn virinojn**.

Ŝia **sinjoro**, dika viro de grandega digneco, nur malofte venis ĉe ŝi. Inspektisto de Asekura Kompanio specialigita en la venenaj fungoj, li ofte vojaĝis eksterprovince, kaj lasis al Luciana oftajn libertempojn.

La nura maloportunaĵo de tiu amrilato estas ke la dignega sinjoro estis terure ĵaluza, kaj li ĉiam neatendite alvenis en la hejmon de sia sinjorino, ĝuste kiam ŝi malplej atendis lin.

Sen sentigi al mi frakasan pasion, Luciana bone amis min.

En tiu epoko, mi estis ankoraŭ juna, kaj havis gajan humoron, kiun la turmentoj de la vivo forbalais kiel pajleron.

Luciana estis ankaŭ tre gaja.

Mi fariĝis freneze amema de ŝi, kaj de antaŭ kelkaj tagoj mi ne kaŝis al ŝi mian amflamon. .

Ŝi multe ridis pro miaj amdeklaroj, kaj ripetis al mi: «Iun tagon… iun tagon!» Sed "iun tagon" ne alvenis sufiĉe rapide laŭ mia volo.

Iun vesperon, mi timide proponis al ŝi elkonduki ŝin al la teatro. Mia amiko Paŭlo Lordono, kiu estis tiam sekretario de la teatro de la Pordo Sankta Marteno, estis doninta al mi du fotelojn, kaj mi ne sciis kia dramo prezentiĝos.

Ŝi konsentis.

Post la prezentado, en la veturilo kiu rekondukis nin, ŝi fine lasis sin trafita per miaj preĝpetoj, kaj decidis tion: ŝi unue suprenirus hejmen por kontroli ĉu la dignega viro estas jam alveninta, en tia okazo mi devos foriri. Se kontraŭe la loko estos libera, ŝi signalos al mi la fakton, metante ĉe la fenestro de sia ĉambro lampon garnitan per skarlata lumŝirmilo.

Pluvegis.

Tute anhelanta pro la deziro, mi atendis sur la aliflanka trotuaro la lumsignalon.

Minutoj pasis, poste kvaronhoroj. Ĉiam ne la plej malgranda ruĝa lumeto. Kun despero enkore, kaj malsekigita ĝis la ostmedoloj, mi decidis rehejmeniri.

Ha! en tiu momento se mi tenus sinjoron, mi pasigus al li lian dignecon!

En la sekva tago, mi estis akceptita pli ol senvarmece de Luciana.

– Vi estas bela knabo, vi! ŝi diris al mi per tono tiel seka kiel siliko.

Kaj ĉar mi elmontris mian mienon la plej konsternita, ŝi daŭrigis:

– Mi atendis vin dum la tuta nokto!...

– Sed la lampo…

– Kio la lampo? Mi tuj metis ĝin ĉe la fenestro, ekde mia alveno!

– Mi ĵuras al vi, ke mi restis almenaŭ dum unu horo sur la aliflanka trotuaro, kaj mi nenion vidis.

– Vi do havas melason sur la okuloj!

– Mi ĵuras al vi…

– Lasu min !

Kaj ŝi iris sidiĝi, koleriĝinta, antaŭ sian tapiokon.

Mi devis aspekti tre stulta.

Kaj, subite, jen ŝi malprenas sian kuleron, kaj sin renversas sur sia seĝo, skuita per tumulta rido kiu daŭras, nur interrompita de: « Ha! Dio mia, kiom estas ridiga! »

Iom post iom, la intenseco de ŝia gaja spasmo malaltiĝis, sed ne sufiĉe por ke ŝi povu klariĝi.

Ŝi rigardis min per bona rigardo, malseka pro la ridolarmo, kaj tute reamikiĝinta :

– Ha! mia kompatinda amiko! Imagu ke mi ne pensis…

Kaj la rido rekomenciĝis.

– Pri kio? mi diris. Ĉu ekflamigi vian lampon eble?

– Ne, ne estas tio…

Ŝi strebis, kaj povis fine paroli:

– Mi ne pensis ke la fenestro de mia ĉambro rigardas al la korto!

elfrancigis **Noel Lecomte (Francio)**

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***

Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)

Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo

de No. 19, Wujiang St., Jiangbei Distrikto,

Chongqing, 400020, Ĉinio

Tel: (023) 67095890 (hejme)

Retadreso: vejdo@163.com

Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.

Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm aŭ

http://gazetejo.org/eo/penseo

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊